20a Jaro - No 11 (213) Jara Kotiz-Abono Fr. 30,— Novembro 1934

# BELGA ESPERANTISTO

Monata Revuo fondita en 1908a
OFICIALA ORGANO DE BELGA LIGO ESPERANTISTA
Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

DIREKTORO
Maur. JAUMOTTE
44, Avenuo De Bruyn
Wilrijck-Antverpeno
(Tel. 777,58)

ANONCOJ
Henri PETIAU
St. Lievenslaan, 60, Gento
Poŝtĉeko de la LIGO:
No 1337.67 (Wilrijck)

## Sub nova Stelsigno

## La Belga Movado marŝas antaŭen

Dimanĉon, la 21an de Oktobro, okazis en Bruselo kunveno de la Komitato de Belga Ligo Esperantista. En tiu ĉi numero, oni trovos detalan raporton pri ĝi.

Dum la tuta kunveno regis vigla spirito, kiu multe promesas por la laboroj estontaj ; ĝi tute staris, ni povas diri, sub speciala signo, tiu de la elekto de nova Prezidanto.

De la morto de nia bedaŭrata amiko Frans Schoofs, Belga Ligo ne plu havis Prezidanton. S-ro Cogen bonvolis, kiel unua vicprezidanto, direkti la ŝipon ĝis tiu ĉi kunsido, por ke, en serena atmosfero, oni povu sin okupi pri la vera anstataŭigo de la formortinta gvidanto de la Belga Movado.

Unuanime estis nun elektata S-ro D-ro Paul Kempeneers, kiu jam, kiel dua vicprezidanto, tiel vigle laboris sur diversaj kampoj por nia afero.

S-ro Kempeneers, tuj post sia elekto, faris tion, kion li mem nomis « registaran deklaron ». Ĉar ni presas ankaŭ tiun tekston en la ĉi nuna numero, ni ne bezonas ankoraŭ multe aldoni.

Se la nombro de la jaroj de lia Esperantisteco ne estas tiel granda, pri li estas vera la franca diraĵo « *ke la valoro ne atendas la nombron de la jaroj* ».

Ni tamen volas, okaze de tiu « registrara deklaro », eldiri, en nia organo, la plej korajn gratulojn, kiujn ĉiuj ni prezentas al nia nova Prezidanto, kiu vere intencas antaŭenpuŝi la movadon en nia lando, ĝis en la plej malproksimajn, malplej konatajn lokojn de Belgujo.

Kiel li jam konstatas, nek li, nek la estraro, nek la komitato kapablas tion efektivigi plene, sen la daŭra helpo de ĉiuj fortoj de la Liga membraro.

Li fidas, ke ĉiuj tiuj fortoj restos je la dispono de la estrantoj. Ni kredas, ke ni povas, je ĉies nomo, konfirmi tiun pretecon.

Kiel ni povas ankaŭ konfirmi ĉies dankon al S-ro Cogen, kiu jam, diversfoje, en malfacilaj okazoj, gvidis nian Ligon.

* * *

Dum Belga Ligo tiel iniciatis novan antaŭenpuŝon de la movado, « Belga Esperanto-Instituto » faris sian unuan sperton en la granda konkero de la « strato ».

El ĉiuj Esperanto-centroj alvenis gratuloj al la administrantaro, okaze de la malfermo de Esperanto-domo, kiu, ni esperu tion firme, ne restos la nura.

Sed kompreneble antaŭ ol la gvidantoj de nia komerca organizaĵo povu pensi pri la malfermo de pliaj magazenoj en aliaj urboj, ĝi devas esti certa, pri la vivebleco de la hodiaŭ funkcianta.

Ĉu ĝi nun estas vivebla ? Jen demando kiun jam multaj faris al si mem aŭ eĉ al la gvidantoj.

Al tio ni kuraĝe, ĉu ni estu gvidantoj aŭ ne, respondu kune : Jes!

Tiu vivebleco efektive nur dependas de ni mem. Kompreneble B.E.I., per la malfermo de butiko, intencis tuŝi ne-esperantan klientaron, kiu aĉetante skatolon kun bela leterpapero, kajerojn por infanoj, krajonojn aŭ plumingojn, inkon aŭ viŝgumon, paperkorbeton aŭ sorbpaperon, aŭ kion ajn similan, helpos firmigi la Esperanto-departementon de la magazeno, tiun en kiu oni povas akiri ĉiuspecajn esperantaĵojn : instru-librojn kiel romanojn ; ĉefverkojn el la Esperanto-literaturo, kiel malmultekostajn popularajn verketojn ; Esp. paperon kaj kovertojn, ĉiuspecajn insignojn.

Sed la Esperantistoj mem, de nun, ne nur devas pensi pri la Esperanto-sekcio de la magazeno. Ili devas memori al si, ke aĉetante aŭ mendante en Esperanto-paperejo, kiun ajn artikolon, ankaŭ tiujn kiuj ne rilatas al Esperanto, ili tamen helpas vivigi la aferon.

Se ni devas klopodi venigi en la magazenon ne-Esperantistan klientaron, kiu tamen iam eble aĉetos malgrandan Esperanto-libreton, nia ĉies devo estas tamen, aĉeti ĉion, kion ni bezonas je papereja vidpunkto, en nia « Esperanto-domo ».

Pri tio la grupestraroj povas zorgi. Same kiel ili ĝis nun faris mendojn de Esperantaĵoj, ili povas fari de ĉiekonataj objektoj, kiujn ĉiuj bezonas.

Por doni ekzemplon, ni povas diri, ke en la unua monato de la ekzisto de la magazeno, oni vendis tie, por pli ol 4.000 frankoj. En tiuj ciferoj, estas preskaŭ neniuj mendoj el ekster Antverpeno. Se do la aliaj Belgaj Esperantistoj volas helpi, ne devas esti malfacile duobligi tiun ciferon, kaj tiam la Esperanto-entrepreno jam larĝe vivos kaj ĉiuj esperoj estos permesataj.

Maur. JAUMOTTE.

# Ĝenerala Kunveno de Belga Ligo Esperantista

## Bruselo, 21an de Oktobro 1934

La kunveno estas malfermata je la 10 h. 30 de S-ro Cogen, Vicprezidanto.

Ĉeestas :

a) Konstantaj gekomitatanoj : S-ino Elworthy, S-ro D-ro Vanderbiest, kaj S-ro Jaumotte, liga kasisto, poste elektota;

b) Grupaj gedelegitoj. *Antverpeno:* S-roj Boffejon kaj Faes; *Bruĝo :* F-ino Thooris; *Bruselo :* F-ino Obozinski kaj S-ro D-ro Kempeneers; *Gento :* S-ro Petiau; *Liego-Chênée-Sclessin :* S-roj Dechesne kaj. Ponthir; *Ninove :* S-ro Cogen;

c) Prezidantino de la juĝantaro : F-ino Jennen;

d) UEA-ĉefdelegito : S-ro De Ketelaere.

Senkulpigita : S-ro Champy, konstanta komitatano.

---

1. — REELEKTO DE LA LIGESTRARO.

S-ro Cogen, klariginte la motivojn, kial li ne povis akcepti esti kandidato je prezidanteco, kiu estis prezentita al li, proponas, por plenumi la oficon, S-ron D-ron Kempeneers, kies kvalitojn li evidentigas. S-ro Kempeneers estas aklame akceptata kiel Prezidanto.

La estraro tiam proponas, por anstataŭi S-ron Kempeneers ĉe vic-prezidanta posteno, F-inon Thooris, kies elekto ankaŭ estas aklame aprobata.

La ceteraj estraranoj, S-roj Cogen, Petiau kaj Jaumotte, estas aplaŭde reelektataj je siaj respektivaj funkcioj de vicprezidanto, Ĝenerala Sekretario kaj Kasisto.

S-ro Cogen memorigas pri la mirinda ekzemplo de nia bedaŭrata prezidinto Schoofs kaj transdonas la prezidantecon al S-ro Kempeneers, kiu kore dankas la kunvenantaron kaj faras tre aplaŭdatan deklaron per kiu, post kelkaj vortoj pri la estinta estrado de la Ligo, li konstatas la ĵus faritajn klopodojn kaj skizas la estontan programon.

F-ino Thooris, ĵus instalita ĉe la estrara tablo, siaflanke afable dankas pro la honoro al ŝi farita kaj promesas daŭri fervore kunlabori.

2. — FINANCA SITUACIO KAJ BELGA ESPERANTISTO.

S-ro Jaumotte informas ke la budĝeto de nuna jaro, pro regula eldono de ĉiumonata ĵurnalo, estos deficita, sed ke la vivo mem de la Ligo nun ne estas minacata pro la rezervoj, kiuj restas disponeblaj. Tamen fariĝas necesege, ke oni trovu rimedojn ĉar tiuj rezervoj rapide elĉerpiĝos.

La komitato akordiĝas pri kreo de kategorio de subtenantaj membroj, pri kiu la estraro ekzamenos je statuta vidpunkto.

Ĝi ankaŭ interkonsentas pri verko de varbcirkuleroj dulingvaj, kiuj estos akireblaj de la grupoj kaj per kiuj estos postulataj aliĝoj. kiel membroj, ĉu ordinaraj, ĉu simpatiaj, ĉu subtenantaj.

Pri la ĵurnalo mem, oni konstatas ke anoncoj venas malfacile. Rea alvoko estas farata al la grupaj delegitoj, por ke ĉiu faru ĉion eblan por varbi anoncojn. Krom tio, Belga Ligo aperigos avizon en B.E. por postuli anoncagentojn.

Intertempe Belga Esperantisto daŭros aperi regule ĉiun monaton kun la nuna amplekso kaj kun enhavo laŭeble konformigata je la esprimitaj deziroj.

Nur ĉe venonta kunsido laŭ la financaj rezultatoj, kiuj estos tiam atingitaj, oni pristudos, se absolute necese, la eventualecon ŝanĝi, ĉu la amplekson, ĉu la periodecon de la Liga organo.

3. — NIA ESTONTA AGADO.

Multaj proponoj, bedaŭrinde malfacile efektivigeblaj precipe pro manko de mono, ree aŭdiĝas, nome: pligrandigo de la nombro de delegitoj, varbado de la instruistaro, premioj al membrovarbantoj, sendo de propagandbroŝuroj, plivastigo kaj metodigo de la gazetara servo, agado ĉe radio, k. t.p. Ĉiuj tiuj indikoj estas notataj de la Ligestraro, kiu zorgos, laŭ sia povo, pri ilia aplikado.

La Ligestraro ankaŭ anoncas, ke ĝi pristudas la kreon de turisma servo, kiu havus ambaŭ utilojn fari propagandon kaj rikolti monon.

Al demando jam kelkfoje esprimita, la estraro respondas ke nuna agado ĉe la Registaro estus sen ia profito. Tamen tuj, kiam ebleco evidentiĝos, ĝi faros ĉiujn necesajn paŝojn por tie sukcesi.

4. — BELGA LIGO KAJ FLANDRA LIGO.

La Ligestraro kumunikas raporton pri ĝenerala kunveno de Flandra Ligo, dum kiu estis alprenata decido kontraŭa al la rezolucio subskribita dum la kunsido en Bruselo, la 23-an de Junio lasta. S-ro Kempeneers siavice raportas pri interparolado, kiun li havis pri la temo kun S-ro Bastien, prezidanto de UEA. kaj ekzameninte detale la situacion, la kunvenantaro unuanime aprobas jenan rezolucion :

« La Komitato de Belga Ligo Esperantista kunsidanta en » Bruselo la 21-an de Oktobro 1934, aŭdinte raporton pri la » kunsido okazinta en Bruselo la 7-an de Junio 1934, laŭ » propono de S-ro Wadham, ĉefdelegito de UEA en Londono;

» Konstatinte el la protokolo aperinta en la oktobra numero » de la revuo « Flandra Esperantisto » raportanta pri la ĝene- » rala kunsido de Flandra Ligo Esperantista, la 26-an de » Aŭgusto 1934 en Bruselo, ke Flandra Ligo Esperantista ne » deziras nune fari paŝojn por efektivigi la sugestojn enhava- » tajn en la Brusela rezolucio;

» Konstatinte aliflanke, ke nenio, ĉu en la statuto, ĉu en la » organizo de Belga Ligo Esperantista, malhelpis partoprenon » de kiu ajn grupo, societo aŭ privata esperantisto neŭtralaj » rilate al religio, politiko kaj sociaj demandoj, laŭ artikolo 4 » de la statuto de U.E.A.;

» 1° Dankas S-rojn Pétiau, Jaumotte kaj De Ketelaere, pro » la klopodoj faritaj, por atingi interkonsenton;

» 2° Decidas prokrasti la diskuton pri la Brusela rezolucio, » ĝis kiam la afero reiĝus aktuala;

» 3° Deklaras sin preta akcepti kiun ajn esperantistan grup- » on, havantan sian sidejon en Belgujo, kaj statuton kon- » forman al artikolo 4 de la statuto de U.E.A.;

» Kaj daŭrigas sian tagordon. »

Krom tio, la Komitato parolas pri la lingvo uzata ĉe la belgaj kongresoj kaj konfirmas la principon kiun cetere ĉiuj urbestraroj lastjare respektis, ke la kongresanoj estos ĉiam akceptataj en la lingvo uzata en la landparto, kie okazas la kongreso.

5. — EKSPOZICIO EN BRUSELO.

La Ligestraro estas feliĉa anonci, ke S-ro Lavisse, kiun oni gratulas pro tio, jam sukcesis, pere de S-ro Baudet, interesigi S-ron Ludic, Direktoron ĉe la ekspozicio de 1935, kaj havi certecon, ke tiu ĉi entrepreno presos esperantlingvajn cirkulerojn, sendotajn al kiel eble plej da gesamideanoj.

Ĉio ebla ankaŭ estas farata por ke estu kreata « Esperantostando » ; la ĝisnunaj tiurilataj klopodoj estas tre esperigaj

6. — **REELEKTO DE LA EKZAMENJUĜANTARO.**

La nunaj juĝantoj efektivaj (F-ino Jennen, S-roj Cogen kaj Vandevelde) kaj anstataŭantaj (S-roj Henraut, Mathieu kaj Osc. Van Schoor) estas unuanime reelektataj.

La Komitato opinias tamen utile pligrandigi la nombron de la ekzamenantoj kaj tial unuvoĉe elektas, kiel kroman efektivan juĝanton, S-ron Jaumotte kaj kiel pliajn anstataŭantojn F-inojn Thooris k. Obozinski kaj S-ron De Ketelaere.

7. — **ELEKTO DE KONSTANTA KOMITATANO POR ANSTATAŬI S-ron SCHOOFS.**

La Prezidanto, praviginte la proponitan kandidatecon de S-ro Jaumotte, la Komitato aplaŭde elektas tiun ĉi, por anstataŭi S-ron Schoofs, kiel konstantan komitatanon.

F-ino Jennen ankaŭ estas prezentata por havi similan titolon, sed pro manko da disponeblaj postenoj, ŝi ne povos esti nuntempe elektata. Tamen ŝi daŭros esti invitata ĉeesti la komitatajn kunsidojn, kiel prezidantino de la juĝantaro, kiel cetere S-ro De Ketelaere partoprenos la laborojn, kiel UEA-ĉefdelegito.

8. — **DIVERSAJ AFEROJ.**

a) *Kongreso en Bruĝo.* — Tiu ĉi organizo ne estis enskribita sur la tagordo pro neurĝeco. Bruĝa grupo efektive aranĝas bone kaj metode la okazontaĵon interkonsente kun la Ligestraro.

b) *UEA-delegiteco en Lieĝo.* — S-ro De Ketelaere raportas pri la malfacilaĵoj trafitaj en Lieĝo, okaze de elekto de UEA-delegitoj. Tuj post tiu ĉi kunsido, la Ligestraro ekzamenos kun la ĉefdelegito la lastan proponon de la koncernata grupo kaj la eblecon definitive solvi la demandon.

Neniu alia temo estas prezentata por diskuto kaj S-ro Kempeneers fermas la kunsidon je 13 h. 15.

* * *

*Rilate al tiu-ĉi kunsido, ni presas ĉi sube la paroladon, de la novelektita Prezidanto, S-ro Kempeneers, tuj post lia instalado:*

# Salutparolado de S-ro Kempeneers

Tre Estimataj Samideanoj,

Je la momento kiam via fido, kaj tiu de ĉiuj niaj esperantistaj grupoj aliĝintaj al Belga Ligo elektis min kiel prezidanton de Belga Ligo Esperantista, mi volas danki vin, kaj solene promesi al vi, ke mi je tiu posteno faros ĉion eblan por nia movado, kaj fidele servos la aferon de la kara kreaĵo de D-ro Zamenhof. Mi akceptis esti kandidato, kvankam miaj meritoj certe ne atingas tiujn de multaj aliaj amikoj ĉirkaŭ mi, nur ĉar ĉiuj amike insistis, kaj promesis al mi sian tutan helpon. Kaj certe sen la helpo de nia malnova pioniro S-ro Cogen, sen la helpo de niaj malnovaj kunestraranoj en la Ligo, S-roj Petiau kaj Jaumotte kaj de F-ino Thooris, kiun vi ĵus elektis, la tasko ne estus portebla de mi. Ili ĉiuj promesis al mi plej energian kunlaboradon, kaj mi publike dankas ilin ĉi tie.

Mi opinias, Gesinjoroj, ke estas oportune kapti la okazon por rememori kune pri la bravaj pioniroj, kiuj iris antaŭ ni sur vojon tiam ankoraŭ multe pli malfacilan, kaj alten tenis la torĉon, kiun vi nun enmanigas al ni.

La unua belga konata esperantisto estas S-ro Armand Dethier, direktoro de l'Annonce Timbrologique, revuo en kiu li proksimume de 1892 publikigis artikolojn pri Esperanto. De l' fino de 1897 K-do Charles Lemaire ekpropagandis fervore por nia lingvo kaj samtempe aro da propagandantoj, per parolado kaj gazetartikoloj, inter ili ni citu ĉefe S-ron A. J. Witteryck.

Iom post iom fondiĝis grupoj en Bruĝo (1902) la nuna glora grupo, en Antverpeno (1903), en Loveno kaj Gento, de la tieaj universitataj studentoj, en Bruselo, en Mehleno, en Verviers, en Lieĝo, kc.

Fine, en la jaro 1905, la ĉefaj tiamaj esperantistoj kunvenis en Antverpeno kaj decidis starigi Belgan Ligon Esperantistan, kaj elektis kiel prezidanton S-ron Charles Lemaire; en oktobro 1908 la fundamentfidelaj esperantistoj nomis novan ligestraron kun S-ro Van der Biest-Andelhof kiel prezidanto. Post lia morto (januaro 1912) li estis anstataŭata de S-ro Witteryck. Inter tiuj fundamentfideluloj ni citu Abaton Richardson, S-ron L. Champy, S-ron Oscar Van Schoor, S-ino Elworthy-Posenaer, S-ron Ritchie, D-ron Van der Biest kaj multajn aliajn.

En la jaro 1927, S-ro Witteryck, pro malsano, forlasis la postenon, kaj S-ro Frans Schoofs anstataŭis lin. Vi ĉiuj memoras pri la streĉitaj fortoj, kiujn li eluzis por progresigi nian aferon; grandparte dank'al lia laboro kiel ĉefdelegito de U.E.A. kaj kiel prezidanto de « La Verda Stelo » estis post la milito reunuigitaj la disigitaj membroj, kaj varbitaj multaj novaj, kaj multaj el la ĉeestantoj estas inter ili. Ne estus eble tie ĉi skizi, eĉ mallonge ĉiujn laborojn kiujn ni ŝuldas al Frans Schoofs; inter ili estas: literatura laboro: flandra traduko de la Fundamento kaj de la ŝlosilo, redaktado kaj eldonado de « Belga Esperantisto » — ĉiu el ni scias kiom atente estis preparata ĉiu kajero, kaj ke, nur kiam la verko estis senmanka, ĝi estis sendita al la presisto; propagando en diversaj komercaj, policaj, radiofoniaj medioj; organizo de la 7a kaj de la 20a Universalaj Kongresoj en Antverpeno; kaj fine li sukcesis kunigi la diversajn spiritojn, kiuj celis reorganizon de la Internacia Movado, kaj ni povas fieri, ke la nuna plivastigita U.E.A. ne povus ekzisti, tia kia ĝi nun estas, se nia kara amiko Schoofs ne estus havinta la paciencon iom post iom alproksimigi tendencojn komence tiom malsimilajn.

Estimataj Gesamidanoj, ni inspiru nin je la ekzemplo de niaj unuaj pioniroj kaj ne malpli je tiu donita al ni de nia malfeliĉa Frans Schoofs.

Nia movado en nia lando iom haltetis. Ni volas kun via helpo revigligi ĝin, realtigi ĝin ĝis ĝia malnova nivelo, por poste plialtigi kaj briligi ĝin je granda lumeco!

Via estraro intencas plivigligi la rilatojn kun la grupoj kaj la delegitoj, kiuj devas esti niaj lokaj reprezentantoj kaj propagandistoj.

Ĝi incitos kaj apogos starigon aŭ restarigon de grupoj en ĉiu loko de la lando, kie lokaj circonstancoj tion permesos.

Ĝi propagandos laŭ ĉiuj eblaj manieroj, gazetaro, radiofonio, k. c. estos laŭvice kaj laŭeble uzataj. Kie montriĝos necese, estos starigataj specialaj propagandaj sekretariejoj kiel jam estis aranĝitaj en Bruĝo kaj en Lieĝo, funkciantaj sub rsp. gvidado de S-roj Poupeye kaj Dechesne ampleksantaj respektive la flandralingvan kaj la franclingvan regionojn.

Ĝi klopodos interrilatiĝi kun fakaj asocioj, esperantistaj aŭ ne, por pristudi eblecon propagandi en specialaj rondoj.

Sur internacia kampo, ĝi klopodos, konforme al la statuto de Belga Ligo Esperantista konigi nian karan patrujon eksterlanden per diversaj rimedoj, kaj precipe propagandi la Bruselan Ekspozicion kiu okazos dum la jaro 1935.

Laŭ via decido, B.L.E. aliĝis al la nova U.E.A. starigita sekve al la Interkonsento de Köln. Ĝi apogos per ĉiuj siaj fortoj la Universalan Esperanto-Asocion, sed postulos plenan

rekonon de siaj rajtoj kaj tute rektlinian sintenon. La nova Estraro de U.E.A., elektita en Stockholm troviĝas nuntempe antaŭ malfacila situacio. La senĉesaj deficitaj budĝetoj de la pasintaj jaroj preskaŭ tute elĉerpis la rezervojn de la Asocio, kiu, daŭrigante laŭ la ĝisnuna direkto certe estus bankrotinta post kelkaj monatoj. La nova komitato alprenis radikalajn rimedojn, ŝparis ĉiamaniere, kaj nun povis starigi budĝeton kiu ekvilibriĝos se la Asocio havos saman nombron da membroj kiel dum la jaro 1933.

Ni do varme alvokas al vi, por ke ĉiuj membroj de Belga Ligo Esperantista, kiuj per sia aliĝo mem estas simplaj membroj de U.E.A., fariĝu aktivaj membroj de U.E.A., abonante la gazeton « Esperanto » aŭ almenaŭ mendante la jarlibron.

Ni nepre devas savi U.E.A., se ni ne volas ke nia tuta movado disrompiĝu.

Ni staras antaŭ grandega tasko; niaj fortoj havas limojn, ĉiu el ni havas sian profesian laboron, kaj ne povas sin dediĉi tute al la laboro. Pro tio ni diras al vi: sen vi via estraro nenion povas fari; ĝi volonte akceptos viajn sugestojn, konsilojn aŭ instigojn, sed des pli volonte, se vi alportos al ĝi samtempe materiajn rimedojn por ĝin efektivigi. Ni do precipe bezonas vian laboron; ĉiu prenu sur sin malgrandan parton de la tasko; ni ankaŭ bezonas monajn rimedojn por permesi regulan eldonadon de « Belga Esperantisto », pri kio respondecas nun nia amiko Jaumotte, kiu solene promesis regulan eldonadon, kaj jam montris kion li kapablas fari. Vi ankaŭ ebligu starigon de oficejo en kiu laboros pagata oficisto. Tion ni nepre iam devas atingi, kaj tio estos komenco de nova epoko por nia kara movado en Belgujo!

## XXIV-a Belga Esperanto-Kongreso
### Bruĝo, Pentekosto 1935

*3-a INFORMBULTENO :*

La LOKA KONGRES-KOMITATO (L.K.K.) estas nun definitive starigita.

Prezidantino : F-ino Yvonne Thooris, Wijnzakstraat, 4, rue de l'Outre. (Tel. 320.86.)

Vicprezidantoj : S-ro Edouard Verbeke, estro de la Hotelo « Cornet d'Or — Gouden Hoorn », sidejo de la Bruĝa Grupo. (Tel. 314.59.)

S-ro Charles Poupeye, ŝoseo de Blankenberge, 44.

Sekretariino : F-ino M. J. Vanden Berghe, Carmersstr. 104, r. des Carmes. (Tel. 328.25.)

Helpsekretario: S-ro Georges Groothaert, str. Gl Leman, 6.

Kasistino : F-ino Yolande Hubrecht, Lauwersstr., 13, r. des Lauriers. (Tel. 310,06.) Poŝtĉekkonto : 1119.10, « Belga Kongreso de Esperanto », Bruĝo.

Gemembroj : F-ino A. Boereboom, S-roj G. E. Guillaume, Henri Campe, kaj Ch. Decoster, kaj S-ino J. Groothaert-Van Sevenant.

*Kongreskarto* : kostos 15 frankojn, de nun pageblajn al P.Ĉ.K. 1119.10 « Belga Kongreso de Esperanto, Bruĝo ».

La starigo de HONORKOMITATO estas pristudata.

La L.K.K. prezentos baldaŭ sian KONGRES-PROGRAMON ; aliĝu de nun, por ke tiu promesplena programo povu grandioze disvolviĝi.

## Amikaĵoj inter Esperantistoj.

En la monata Esperanta aldono de « L'Eclaireur de Nice et du Sud-Ouest » oni, pri la numero de Septembro de B. E., diras, inter aliaj amikaĵoj, ke :

« *B. E. publikigas alvokon de S-ro Bastien kaj « forgesas » citi el kie ĝi ĉerpis ĝin. Tion ni povas postuli kaj esperi. Ni estas mirigitaj pro tia konduto, ĝuste, kiam ni scias, ke redaktas gazeton S-ro M. Jaumotte, laŭ jarlibro de U.E.A. profesia ĵurnalisto.* »

Por kompletigi tiun informon ni diru ke la Direktoro de B.E. estas membro de la Internacia Federacio de Ĵurnalistoj (ano 4186), ĉef-sekretario en la Ĝenerala Belga Asocio de profesiaj Ĵurnalistoj kaj ĝuis la tre maloftan honoron esti reelektata, trian fojon, por du jaroj al tiu ĉi funkcio. Tiuj ĉi titoloj kaj funkcioj permesis al li, en la daŭro de multaj jaroj, akiri iom precizan ideon pri ĵurnalista honesteco. Li dubas ke iu grava franca ĵurnalo — kaj ni tiam kompreneble ne parolas pri la Nice'a Lumigilo — pensus eĉ nur momente pri cito de la fonto en kiu ĝi trovus ekz. oficialan deklaron de la Prezidanto de la Franca Respubliko, se la formo en kiu aperis tiu teksto, ne iel montras, ke temas pri aparta deklaro farita speciale por la legantoj de la aperiginta gazeto. La deklaro de Prezidanto Bastien aperis, en tutĝenerala formo, kiel alvoko al la tuta Esperantistaro kaj nenio montris, ke « L'Eclaireur de Nice » pagis pro ĝi altan honorarion!

B.E. tamen neniam polemikas. Ni do finas, aldonante nur ke ni ĉiam kredis ke Nice kuŝas en agrabla ĝojiga loko, favora al bondigesto, ne malproksime de Marius-ujo kaj ke ni tre miras ekscii nun subite kaj hazarde ke ĝi estas la ĉefurbo de Donkiĥot'ujo.

* * *

Mais trêve de badinage... La suplemento de « L'Eclaireur » nomiĝas « Nia Gazeto ». Por rekompenci S-ron *Avril* pro lia oktobra *april*-fiŝo, ni volonte aldonas, ke lia 8-paĝa gazetformata revuo estas tre alloge prezentita, enhavas bonegajn artikolojn kaj kostas nur Fr. Fr. 12,— jare. Ni tamen atentigas la redaktorojn, ke ne sufiĉas esti « rosse », kiel diras la samlingvanoj de S-ro Avril, por esti sprita. Ke ili memoru tion, kiam ili atakas francajn, anglajn kaj alilandajn gvidantojn. La envio kaj la emego al oficiala rekono kaj honoroj ofte surnaĝas tro klare. Iom da mildeco en la rimarkoj decas, precipe al la Esperantistoj, kiuj havas la honoron daŭrigi la tradiciojn de la kavalira Francujo, kiel iuj ankoraŭ ĉiam en Belgujo nomas nian sudan najbarlandon.

Sen subskribo, kiel en « Nia Gazeto », sed tutamike.

**ATENTU:**

***La Komitato de Belga Ligo jam principe decidis pri starigo de***

***SUBTENA MEMBRECO***

***pri kiu sin okupos la estraro.***

***Vi jam sciu, ke temas pri memvola monofero de Fr. 100 ĉiujare anstataŭ Fr. 30, kiujn kostas nun la Liga membreco.***

***Pensu jam pri eventuala aliĝo en tiu nova formo kaj informu la kasiston, kiu, kiel direktoro de la gazeto, pristudas diversajn plibonigojn de la Revuo, laŭ viaj ĉies sugestoj.***

# BELGA KRONIKO

## Grupa Kalendaro

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo " La Verda Stelo ".** — Kunvenejo « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France : ĉiusabate je 20 h. 30.

La 3an : Kantlernado.

La 10an : Akademia kunsido, sekvata de dancado.

La 17an : je la 20a horo unua leciono de la perfektiga kurso ; je la 21a horo : Antaŭlegado de S-ro Jaumotte.

La 24an : 1) je la 20a horo dua leciono de la perfektiga kurso. — 2) Amuza vespero dum kiu S-ro M. Bolsius komunikos siajn plej novajn humoraĵojn.

AALST-ALOST. — **Sekcio de B.L.E.** — Kunvenejo « Burgershuis », Granda Placo. Ĉiuĵaŭde, je 20 h. 30.

BRUĜO. — **" Bruĝa Grupo Esperantista ", Reĝa Societo.** — Kunvenejo: « Oud Brugge », ĉiumarde 20 h.

1 Nov. (ĵaŭdon) : je la 10-a matene, en S-ta Georgo-strato : Partopreno en la funebra sekvantaro ĝis la Milita Tombejo.

6 Nov. : a) Legado kaj klarigado de « Belga Esperantisto » ; b) Portretludo laŭ nova maniero. Prez. S-ro Ch. Poupeye.

13 Nov. : Lertegaĵoj : ĉiu prezentu iun amuzaĵon. Prez. F-ino M. J. Vanden Berghe.

20 Nov. : Parolado de F-ino Corry Leibbrand « Ni naĝu ! ». Prez. F-ino Yvonne Thooris.

27 Nov. : Kantvespero, kun la kunlaboro de S-ino Ch. Poupeye, F-ino A. Boereboom kaj S-ro G. Groothaert.

Dum la ripozoj : Poŝtmarka borso.

Lecionoj de la kurso por komencantoj, sub gvidado de S-ro Ch. Poupeye, ĉiuvendrede, do la 2-an, 9-an, 16-an, 23-an kaj 30-an de Novembro, je la 20-a horo en la sidejo : « Cornet d'Or ».

N. B. a) La grupa biblioteko estas malfermata en la grupa sidejo : Hotelo « Cornet d'Or », ĉiumarde de la 19,30-a ĝis la 20-a. Bibliotekistoj : S-roj Ch. kaj J. Decoster. — b) Tie ankaŭ je la samaj tago kaj horo vendado kaj mendado de esperantaĵoj, libroj, papero, kovertoj pk. k.t.p. — c) Ĉe la komenco de ĉiu kunveno okazas « Samideana Prediketo ».

BRUSELO. — **"Esperantista Brusela Grupo".** — Kunvenejo : « Brasserie du Sac », Granda Placo, 4, ĉiulunde je la 20.30a h.

Lunon, 5 : S-ro Lavisse prezidos.

Lundon, 12 : S-ino Elly Staes parolos pri Oslo (kun kantoj).

Lundon, 19 : D-ro Van der Biest prezidos.

Lundon, 26 : D-ro Kempeneers parolos pri Svedujo (kun lumbildoj).

Lundon, 3 de Decembro : S-ro Hart prezidos.

Lundon, 10 : S-ro Adamski prezidos.

GENTO. — **« Genta Grupo Esperantista »** — Kunvenejo en la lernejo Nova strato Sankta Petro N° 45 ; ĉiumerkrede je la 7ª vespere.

LIEĜO. — **« Societo Lieĝa por la Propagando de Esperanto ».** — Kalendaro laŭ la grupoj :

Pro la rea okupado de niaj profesoroj, la perfektigaj kunvenoj ne plu povas okazi regule, kiel dum la libertempa periodo. En Sclessin tamen ili daŭros esti farataj en la sidejo (rue Ernest Solvay, 1), sed nur unu fojon ĉiumonate : la unuan laborĵaŭdon, t.e. la 8-an de novembro, la 6-an de Decembro, la 3-an de Januaro, k.t.p.

## Grupaj Raportoj

**ANTVERPENO. — Reĝa Esperanto-Grupo " La Verda Stelo ".** — Kvankam la magazeno de B.E.I. malfermis siajn pordojn la 1an de Oktobro, kaj ke jam diversaj Esperantistoj individue iris en la butikon, la grupo nur vizitis ĝin, kiel korpuso, la sekvantan Sabaton, la 6an de Oktobro. La Familio Van den Bossche, t.e. la geedzoj Georges Van den Bossche-Van Eynde, F-ino Gilberte Van den Bossche kaj S-ro Pierre Van den Bossche, ĉiuj membroj de la grupo, havis multe da laboro por prezenti, vendi kaj enpakigi ĉiujn objektojn, kiujn la kvindeko, kiu plenigis la tutan butikon, aĉetis. Kvankam ĉiu nur prenis unuan provizon, tiun tagon jam oni vendis por pli ol mil frankoj. Ĉiuj laŭdis la belan aranĝon de la magazeno kaj miris pri la granda sortimento de objektoj diversaj — pli ol 400 ni diru — kiujn oni en ĝi povas aĉeti. S-ro Jaumotte nome de la grupo prezentis al S-ino Van den Bossche, kun la gratuloj al la tuta familio, belan florkorbon, kiu ankoraŭ pligajigis la aspekton de la magazeno, jam tre bela per la multaj personaj floraj ensendoj de la gemembraro. S-ro Vermandere invitis tiam ĉiujn, kuniri al « Witte Leeuw », kie lia edzino kaj li mem organizis akcepton de la membraro de « La Verda Stelo ». En la grupa kunvenejo estis bele aranĝitaj tabloj, ĉe kiuj oni gaje kunsidis, dum ĉiuj « faris honoron » al la bonaj manĝaĵoj, kaj, dum la vinglasoj malpleniĝis, ree pleniĝis kaj denove malpleniĝis, oni gaje kantis kaj dancis. Post kiam la administranto-prezidanto de B.E.I. estis bonveniginta ĉiujn en lia nomo kaj en tiu de S-ino Vermandere, S-ro Jaumotte dankis ambaŭ, pro ilia kora akcepto kaj prezentis al S-ino Vermandere kelkajn belajn florojn. Kiam la frapoj de noktmezo jam estis de longe forgesitaj kaj kiam oni do, fine, devis pensi pri foriro, ekaŭdiĝis, krom la reaj dankvortoj de la prezidanto de « La Verda Stelo », gaja adiaŭa kanto al la bonaj gastigantaj, kanto je l'honoro de la Staf, « die er mag wezen » kaj de lia ĉarma edzino. La komencon de la dimanĉmateno oni fine ankoraŭ gaje pasigis, en alia kutima renkontejo de Esperantistoj.

— La 13an de Oktobro okazis la ĝenerala monata kunsido, dum kiu la prezidanto atentigis pri kelkaj propagandaj aferoj kaj la 20an ĉiuj kunvenis en la magazeno de G-roj Faes, kie okazis tre bela gramofonkoncerto. Krom la aŭdado de multaj belaj diskoj, S-ro Smet, akompanata ĉe la pianoforto de S-ino Faes, ludis diversajn violonĉelariojn, kiuj ankaŭ multe plaĉis. S-ro Jaumotte dankis la gastigantojn kaj S-ron Smet por la agrabla vespero. Li ankaŭ anoncis la naskiĝon de filineto ĉe G-roj Van den Bossche. Li gratulis la patron, la onklinojn kaj la onklon, kiuj ĉeestis kaj petis transdoni la gratulojn al la feliĉa kaj cetere bonfarta patrino.

La 27an S-ro Kempeneers vizitis la grupon, kaj, antaŭ

multnombra ĉeestantaro, faris belegan paroladon pri « Svedujo ». Tiu ĉi estis agrabligata per multaj interesaj lumbildoj. S-ro Boffejon daŭrigis la paroladon per kelkaj pliaj klarigoj pri la vojaĝo al la Kongreso mem. S-ro Jaumotte dankis varme la paroladintojn kaj substrekis, ĉe la komenco de la vespero, la ĝojon de la Antverpenanoj, saluti, unuafoje, la novan prezidanton de « Belga Ligo » kaj esprimis la esperon, ke la rilatoj inter la grupoj, kaj la interŝanĝo de paroladistoj, povu okazi pli regule.

**BRUĜO. — " Bruĝa Grupo Esperantista ", Reĝa Societo.** — La 18-an de Sept. la grupo ricevis la viziton de Ges-roj Alessie el Amsterdam; « prediketo » pri propagando estis farata de S-ro Ch. Poupeye, kaj S-ino J. Groothaert-Van Sevenant, kiu ne ankoraŭ kalkulas tutan jaron de esperantisteco, faris valoran paroladon pri « La Devoj de la Edzino ». La justeco de la esprimataj ideoj kaj la riĉa literatura formo de tiu prelego, akirigis al la paroladistino meritītan sukceson.

Agrabla kantvespero okazis la 25-an de Sept. kun la helpo de S-ino Ch. Poupeye, F-ino A. Boereboom kaj ankaŭ de S-ro Groothaert, kiu montris sin nekomparebla horestro! Sub la gvidado de tiu lasta samideano okazis ankaŭ la 27-an detala vizito de la soldatejo « Kolonelo Rademakers » en Bruĝo.

La 2-an de Oktobro okazis legado de Belga Esperantisto, dum kiu la Bruĝanoj plezure eksciis pri la starigo de « Esperanto-Domo » en Antverpeno. La espero estis esprimata, ke ĝi rapide floru ĝis baldaŭa alkresko de helpaj domoj en aliaj urboj kaj precipe en Bruĝo.

La nova vintra kurso komenciĝis la 5-an de Oktobro en la grupa sidejo « Cornet d'Or », sub gvidado de la sekretario: Ch. Poupeye. Dudek kvin gelernantoj enskribiĝis kaj, krom tio, la grupo rikoltis kelkajn aliĝojn de apogantoj inter kiuj: S-ro Henri Baels, Provincestro, kaj la firmo « Franchomme & K° » el Bruĝo.

La 9-an de Okt. S-ro Groverman el Gento, faris, antaŭ siaj Bruĝaj samgrupanoj, tre interesan prelegon pri « Uro ». Li pritraktis tre detale tiun sciencan temon, parolante pri uroj, bizonoj, bovoj, ktp. kaj montrante interesplenajn bildojn pri tiu subjekto. Varma aplaŭdado rekompencis lin.

**BRUSELO. — Esperantista Brusela Grupo.** — La 17an de Septembro S-ro Hart prezidis. Li salutis S-ron Adamski, kiu revenis post longa foresto. La Prezidanto rakontis historion, kiu okazis en Anglujo; la membroj devis ĉiuj antaŭvidi la finon de la historio. Poste la Prezidanto anoncis la veran finon de la historio.

La 24an S-ro Swinne prezidis kaj parolis pri libro de Rabelais.

La 1-an de Oktobro S-ro Van der Biest prezidis. Dum tiu kunveno okazis legado de « La ĝendarmo estas senkompata ». S-roj Adamski, Swinne kaj Van der Biest partoprenis tiun legadon.

La 1-an de Oktobro okazis ankoraŭ la ekzameno de la lernantinoj de S-ro Lavisse: F-ino Dubois, 96; F-ino Kerkhof, 92, kaj F-ino Demulder, 80.

La 9an oni malfermis novan kurson, sub la gvidado de S-ro Lavisse. Kiel pasintan jaron la kurso okazas antaŭ la kunvenoj kaj la lernantoj ĉiufoje ĉeestas la kunsidojn.

La saman tagon S-ro Lavisse prezidis. Kelkaj membroj legis laŭvice humoraĵojn kaj poste la prezidanto proponis nombromirindaĵojn.

Lundon, la 22an, okazis la jara ĝenerala kunveno, dum kiu estis elektata la estraro laŭ jena maniero:

| | |
|---|---|
| Prezidanto | : D-ro Van der Biest |
| Vicprezidantino | : F-ino Obozinski |
| Sekretariino | : F-ino La Haye |
| Helpsekretario | : S-ro Lavisse |
| Kasisto | : S-ro Castel |
| Helpkasisto | : S-ro Swinne |
| Bibliotekisto | : S-ro Adamski |
| Konsilantoj | : F-inoj Kestens kaj Kerkhof kaj S-roj Hart kaj Maes. |

**LIEĜO KAJ ĈIRKAŬAĴOJ. — Societo Lieĝa por la Propagando de Esperanto.** — Fine de Septembro kaj komence de Oktobro, la kursoj malfermiĝis, laŭ la decidita programo en la lernejoj de Lieĝo, Chênée, Sclessin, Jemeppe kaj Seraing. La rezultato estas sufiĉe kontentiga, se oni konsideras la nunajn malfavorajn tempojn. Krom en Sclessin kaj lernejo Polyglotte, kie estas nur 5 lernantoj, ĉiu kurso estas ĉeestata de deko da personoj. Sume estas do ĉ. 50 kursanoj.

* * *

Je l'demando de multaj amikoj, ni presas tie ĉi kelkajn pliajn informojn, pri la nova aranĝo de la laboro en la Belga Movado :

## BELGA LIGA ESPERANTISTA

*Prezidanto :* S-ro Paul Kempeneers.
*Vicprezidanto :* S-ro Leon Cogen.
*Vicprezidantino :* F-ino Yv. Thooris.
*Ĝenerala Sekretario :* S-ro H. Pétiau.
*Kasisto :* Maur. Jaumotte.
*Konstantaj Komitatanoj :* S-ino Elworthy, S-roj. Babilon, Champy, Jaumotte, Van der Biest k. Van Schoor.
*Grupaj Delegitoj :* laŭ loka decido.
*Juĝantaro :* Prez. : F-ino Jennen, Membroj aktivaj : S-roj Cogen, Jaumotte k. Vandevelde; anstataŭantoj : F-ino Obozinski kaj Thooris, S-roj De Ketelaere, Henraut, Mathieu k. Van Schoor.

## BELGA ESPERANTISTO

*Direktoro :* S-ro Maur. Jaumotte.

## BELGA ESPERANTISTO-INSTITUTO

*Adm. Prezidanto :* S-ro G. Vermandere.
*Adm. Delegitoj :* S-ro Maur. Jaumotte; S-ro H. Boffejon.
*Adm. Sekretario :* S-ro Edg. De Coster.
*Administrantoj :* S-roj. De Ketelaere, Oscar Van Schoor, Van der Veken kaj De Hondt.
*Komisaroj :* F-ino J. Morrens, S-ino Staes, F-ino Thooris, S-roj H. Vermuyten, Geerinck, Dechesne.
*Estro de la Magazeno :* Willemsstrato 21 : S-ro Georges Van den Bossche.

## UNIVERSALA ESP. ASOCIO

*Ĉefdelegito :* S-ro M. De Ketelaere.

# LITERATURO
# Maurits Sabbe
## La Legendo pri la « Lago de l'Amo »

Casteels, patro de Minjo klopodas edzigi sian amikon, la kluziston de la Lago de Amo, kun iu vidvino, sinjorino Dierickx. La « filozofo » kontraŭbaraktas.

— Ĉu vi scias kial oni nomas tiun lageton la « Lago de Amo »? li kaŝridetante demandis. Ne? Nu, mi ĝin rakontos al vi.

Radio de gaja surprizo venis sur la vizaĝo de Minjo. Ŝi ja konis la kortuŝan, malĝojigan rakonton de tiuj du junaj belaj geamantoj, kiuj sin estis ĵurintaj reciprokan porĉiaman fidelecon kaj kiuj, prefere ol esti disigataj de senkora perfortulo, kune serĉis la morton en la lagon, kiu, memore al ilia granda amo nomiĝis « Lago de l'Amo ».

Aŭdante denove rakonti tiun legendon de la kluzisto ŝi jam ĝojis.

« Antaŭ multaj, multaj jaroj » — li komencis — « vivis, en la kluzodomo, ŝuisto kun sia edzino. Ili ĉiutage ekdisputis, tial ke la edzino volis ĉion scii pli bone ol sia edzo, kaj estri, kiel ĉiuj edzinoj. Nu, estis la afero de la flikisto; li ja estis edziĝinta.

Minjo mire esplorrigardis la kluziston ĉar tiamaniere certe la rakonto ne komenciĝis.

La kluzisto kaŝe palpebrumis al ŝi kaj la knabino tuj divenis lian intencon fuŝrakonti ion al sinjorino Dierickx.

— Iun tagon ili ekdisputis pri la flanko je kiu kuŝas Damme, ĉu je la flanko de la Vinberejstrateto, ĉu je la flanko de la Beginejo. La edzo pretendis ke estis je la flanko de la Vinberejstrateto, kaj la edzino ke estis flanke de la Beginejo. Kaj ili disputis, insultis, ili estis interbatalontaj, sed la edzino ne volis cedi. Ŝi volis porti la pantalonon kiel ĉiuj edzinoj... Incitante ŝi konstante diris « flanke de la Beginejo! » kaj, pli kaj pli rapide, preskaŭ senspire ŝi daŭre kriis « Beginejo! Beginejo! ». La edzo terure ekkoleris, kaptis ŝin kaj ĵetis ŝin tra la fenestro, en la akvon. Jes, ja, tio sekvas la geedziĝon! La edzino ankoraŭ ne cedis; « Beginejo! Beginejo! » ŝi kriis plaŭdante kaj baraktante. Si subakviĝis ĝis sia mentono, la akvo enspruĉis ŝian buŝon kaj tamen ŝi kriis malgraŭ la bruetanta akvo ĉiam « Beginejo! Beginejo! ».

Finfine ŝi ne plu eltenkapablis! Siaj buŝo kaj nazotruoj pleniĝis! Kaj ĉu vi scias kion ŝi tiam faris? Ŝi levis sian manon super la akvo kaj montris per la fingro, ĉiam virine, ĝismorte obstine al « la Beginejo! Beginejo!! Beginejo!!! »... kaj ĉar tiu bela modelo de geedzamo tie dronis, oni nomis tiun lagon, la « Lago de l'Amo ».

Tradukis: Henri SIELENS.

*El « De Filozoof van 't Sashuis ».*
*(La Filozofo de l'Kluzdomo.)*

* * *

*Belega vidaĵo de la Minnewater estas karto N-ro 6 de la Bruĝa serio. — La serio de dek poŝtkartoj: 1,50 fr.*

* * *

Kromaj literaturaĵoj kaj diversaj artikoloj bibliografiaj devis esti prokrastataj pro la ampleksa dokumentaro pri la reviglígo de nia nacia movado.

## MONSUBTENO

Laŭ peto de la Ligestraro, ni en ĉiu numero daŭrigas subtenliston, por la eldona kaso de « Belga Esperantisto », dum ni ankaŭ kvitigas per mencio ĉiujn pagojn, faratajn al la « Fondaĵo Frans Schoofs ».

Ni memorigu, ke, por ambaŭ, ni akceptas eĉ la plej malgrandajn donacojn. Ili estas bonvenaj sur Poŝtĉekkonto 1337.67 de « Belga Ligo Esperantista ».

Por « BELGA ESPERANTISTO »:

| | | |
|---|---|---|
| Antaŭa sumo . . . . . . . | Fr. | 40,— |
| Bruĝa Grupo (soldo de Septembro) | Fr. | 5,— |

Por « FONDAĴO FRANS SCHOOFS »:

| | | |
|---|---|---|
| Ĝisnuna sumo . . . . . . | Fr. | 2.635,— |

## Programo de la ekzameno pri profesora kapableco

Je peto de diversaj amikoj ni reatentigas pri la ekzameno pri profesora kapableco kiu okazos dum la kongreso de Bruĝo.

Partoprenprezo : Fr. 50,—.

A. *Skriba parto :*

1. Traduko el Esperanto en nacian lingvon, sen vortaro.
2. Traduko en Esperanton, sen vortaro.
3. Redakto : Pritrakti temon en Esperanto.
(Daŭro : 3 horoj.)

B. *Voĉa parto :*

1. Legado de Esperanto-teksto, (dum 5 minutoj).
2. Traduko de la legita teksto.
3. Voĉa resumo de tiu teksto.
4. Klarigo, per Esperanto, pri gramatikaj malfacilaĵoj kaj pri kunmetitaj vortoj, (dum 5 minutoj).
5. Interparolo kun la membroj de la juĝantaro pri la historio de Esperanto kaj respondoj al kritikoj kontraŭ la demando de lingvo internacia (dum 10 minutoj).

C. *Instruado :*

1. Instruado, per Esperanto aŭ naciaj lingvoj, pri gramatika punkto.
(Speciala punkto por ĉiu kandidato. (15 min.)
2. Paroliga ekzerco kun lernantaro. (10 minutoj.)

La kandidatoj devas havi almenaŭ la 65/100 de la poentoj en ĉiu parto.

## INTER NI

*Ĉiu, kiu deziras partopreni al la korespondado de la « Inter Ni »-anoj rajtas ensendi maksimume 12 liniojn de ĉirkaŭ 60 literoj aŭ spacoj en ĉiu numero, por Fr. 2. La pagon oni povas fari per P. M. aŭ al Pĉk. de la Ligo. Sufiĉas, en tiu ĉi lasta okazo, ripeti sur la pagilo la pseŭdonimon, uzitan en la letero al ni sendita.*

*(Tekstoj prokrastataj.)*

## *GRAVA KOMUNIKO.*

***De la 1a de Oktobro, la adreso de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Societo, estas: WILLEMSSTRATO, 21, ANTVERPENO. Pro tiu translokigo la telefonnumero iĝas: 732,99.***

***La telefonnumero en la domo: Kleine Hondstrato, 11, privata loĝejo de S-ino Schoofs, iĝas de la sama momento: 931,89.***

Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO. Koopera Soc., Willemsstrato, 21, ANTVERPENO.